# KATOLIKA MONDO

Redaktoro : K. MAYR
London, 16, Red Lion Square.
Kunredaktoroj :
W. Solzbacher, Germanio.
P. M. Carolfi, Italio.
P. J. A. Muffang, Francio.
J. Makara, Polio.

Esperanto-Organo de Internacio Katolika
kun junula aldono « La Juna Batalanto »




7a - Kolekto nº 5 — Aprilo 1926

Administracio : Kapl. Wachowski
25, Feldstrasse, Elberfeld,
Germanio
Ekspedicio :
Sama adresso.

## La movado kontraŭ la kristanaj lernejoj en Ĥinujo

De Alb. A.-J. YONG, Louvain, Belgio.

*( Originala raporto por K. M. )*

Depost kelka tempo la kontraŭreligia movado en Ĥinujo pligrandiĝas. Laŭ nova telegramo el Pekin la reprezentantoj de 27 sekcioj de kontraŭkristanaj asocioj atakis la Ministron de Publika Instruo, postulante la subpremadon de la lernejoj de la misioj kaj la finon de la « religia invado ». Minacante ili postulis, ke *dekreto malpermesanta la religian instruon* estu publikigata interne de tri tagoj. La Ministro de Publika Instruo *cedis* al tiu postulo !

Ĉi tiu informo estas vere malkvietiganta. La venko de tiuj ateistaj asocioj kontraŭ la Ministro de Publika Instruo estas danĝera ne nur por la evoluo de la kristanismo en Ĥinujo, sed ankaŭ kaj precipe por la ĥinoj jam kristanaj, kiuj estos malhelpataj en ilia agado. Tio estas tute evidenta. Tamen laŭ mia opinio ekzistas alia danĝero minacanta la tutan ĥinan popolon. La kontraŭkristanaj asocioj furiozas kontraŭ la eksterlandaj lernejoj — la kristanaj lernejoj — en Ĥinujo : ili pretendas, ke ili volas anstataŭi ilin per naciaj lernejoj. Sendube estus preferinde, ke la ĥinoj studu en naciaj lernejoj aŭ universitatoj ; sed ĉar ni ankoraŭ ne havas sufiĉe da naciaj lernejoj, oni, tute necese, devas konservi tiujn de la fremduloj, se ni ne volas lasti refali Ĥinujon en plej kompletan malklerecon !

La membroj de tiuj kontraŭkristanaj asocioj, kies plej granda parto estas universitataj studantoj, precipe de la Universitato de Pekin, kun Tsaï Yuën Pei je la kapo, bedaŭrinde sukcesis konvinki la Junan Ĥinujon, ke « la kristanoj estas malsaĝuloj, mortamikoj de la moderna Scienco (kun granda «S»).» Ili forgesas, ke en Ĥinujo, tiuj, kiuj faris kaj povas fari « ion utilan por la lando », *preskaŭ ĉiuj* estas kristanoj (protestantoj) revenintaj el Germanujo, Anglujo, Ameriko — kiel ekzemple s-roj Wellington Koo, C. T. Wang, Wu Ting Fang, Alfred Sze, ktp. ktp. — Kaj se ĝis nun nur ekzistas tre malmulte da ĥinaj katolikoj, kiuj sukcesis plibonigi la sorton de sia patrolando, la kaŭzo estas, ke la nombro de la katolikoj intelektuloj estas malgrandega. Sed venos tago, kiam ĉiuj « sendiuloj » de tuta Ĥinujo kliniĝos kun profunda respekto antaŭ la kapableco kaj la talentoj de iliaj katolikaj samlandanoj : Tiam ili pentante diros, ke « sen religio la Scienco, eĉ kun giganta « S », ne povas nin konduki al io », kaj ke « la katolikoj estas memkompreneble same bonaj patriotoj kiel ni... ».

Tamen, se ni povas kritiki la ofte akrajn agadojn de niaj « sendiaj » studantoj, rilate al la religia instruo, ni ankaŭ devas rekoni, ke oni urĝe bezonas reformon de la sistemo nun aplikata en kelkaj religiaj lernejoj en Ĥinujo. Ĉar multe da lernejoj de la misiistoj, speciale la lernejoj de elementa grado, estas treege pliperfektigindaj laŭ scienca vidpunkto. Ekzemple mi konas tre multajn kristanajn lernejoinstitutojn, kiuj nur instruas la preĝojn kaj la kateĥismon de matene ĝis vespere ! Eĉ por ni katolikoj tia metodo estas tute neaprobinda — ĝi estas ridinda. Reformo estas necesa. La instruistoj devas, se ili volas eviti estontan danĝeron kaj aliparte realigi rapidan evoluon de la katolika edukado, kiom eble plej multe instrui la ĝeneralajn konojn. Sendube la religia edukado estas esenca por la gejunuloj, sed ĉi tiu neceseco ne devas malhelpi ilin, enpenetri en la praktikajn konojn.

Sed la manko de perfekteco de niaj kristanaj lernejoj ne estas la unua, primitiva kaŭzo de la nova movado inter la ĥinaj studantoj. Ekzistas alia pli profunda kaŭzo : la *troigita naciismo*. Vere ne nur la kontraŭkristanaj studantoj, sed ĉiuj ĥinoj, kiaj ajn ili estas, konsentas

## Renkonto kun la Diablo

Skizo de PIERRE L'EREMITE.
Mallongigite trad. Wilh Solzbacher

Hieraŭ sur la vojo al la katolika gazetara konferenco mi renkontis la diablon. Li estis elegante vestita : griza redingoto, mola kolumo, senriproĉe faldita pantalono, rozkoloraj ŝtrumpetoj kaj lakŝuoj. Moke li ridaĉis al mi tra lia monoklo.

« Al gazetara konferenco vi iras ? Hahaha ! Klopodu, kiom vi volas, vi mizeraj katolikoj ; tamen mi kunpremas al vi la gorĝon ! Jen mia pugno tiom malmola kaj forta. Ĝi fortike ĉirkaŭligis al la katolikoj okulbandaĝon ; depost duona jarcento ĝi ankoraŭ ne solviĝis. Ho mi povas ligi ! »

Rapideme li montris per sia bastoneto la pasantojn : « Vidu tiun elegantan sinjoron ! Li portas ĝin, mian okulbandaĝon. Li estas katolika, ĉu vi aŭdas : katolika. Sed li nur abonas unu el MIAJ ĵurnaloj, kiu ĉiumatene plenigas liajn orelojn per la mokantaj kaj atakantaj artikoloj kontraŭ eklezio kaj kristanismo ; ĉiun ĵaŭdon li ankaŭ portigas al si la humor-gazeton kun la pikantaj fiŝercaĵoj kaj interesaj malĉastaĵoj. Li avide rigardas la ilustraĵojn, legas ĝin, fine ĵetas ĝin en la paperkorbon, kaj de tie ĝi iras tra la tuta domo, estas legata de ĉiuj ĝis en la kuirejo. — Ho, la okulbandaĝo ! »

Kelkajn paŝojn pli malproksime nun preteriris juna virino.

« Vidu, jen la piulino, kiu ĉiutage iras al la meso. Tamen ŝi estas al mi fidela abonantino kaj ĉiutage aĉetas ĉe tiu kiosko ne viajn, sed unu el miaj ĵurnaloj ; « la felietono kaj la skandalraportoj estas tiom interesaj. » 15 centimoj ĉiutage por ĵurnalo — tio estas akvoguto, vi pensos. Certe, akvoguto estas preskaŭ nenio ; sed la amaso ! Per la 15 centimoj de tiu virino kaj milionoj da aliaj mi konstruas la domojn, kiuj estas miaj prespalacoj, pagas kompostistojn kaj presmaŝinojn, rotacio-rapidpresilojn, kiuj per telegrafo estas kunligataj kun ĉiuj ĉefurboj de l'mondo.... Tiu bona katolikino, ankaŭ ŝi portas la okulbandaĝon ! »

Nun ni pasis gazetkioskon, kie ĉiuj pasantoj ĉiutage aĉetas ĵurnalon. Sur la muroj estis anoncitaj la gazetoj haveblaj : La okuloj de satano elŝprucis fajrerojn : « Jen, nombru do viajn gazetojn, nombru do ilin ».

Kaj silente mi nombris : « Unu, du, tri, kvar, kvin. » Ĉi tio estis ĉio en la giganta urbo Paris, el ili nur unu eliranta ĉiutage ! Mi estis kiel disfrapita !

« Sed nun nombru miajn ! » Rapideme lia bastoneto montris de unu gazeto al alia ; ĉiuj estis grandaj ĵurnaloj aperantaj ĉiutage kun surpresita alta eldoncifero. « Al mi apartenas ĉi tiu ĵurnalo per la ĉefartikolo, tiu per la pikanta — malĉasta, vi diros — felietono ; en ĉi tiu troviĝas miaj anoncoj, bonege esprimitaj intimaj aferoj, mi diras al vi ; en ĉi tiuj kvin jen miaj ilustraĵoj, kompreneble vi ruĝiĝos : sed la legantoj amuze ridaĉas. Kaj ĉi tiu atako kaj tiu skandaleto, — tie belegaj atakoj kontraŭ pastraro kaj monaĥejoj ; — mensogitaj, vi diros ; mi scias, sed ĉiam ili iom efikas.... Kaj ĉi tiuj folioj.... kaj tiuj kun interesaĵoj el kabaredo kaj kino kaj amuzaj aferoj el la « malgranda teatro ».

Kun la nombro 43 li fine ĉesis ; la bastono malleviĝis : « Vidu, 43 laboras por mi, unu ĉi tiel, alia tiel. . . . Kaj la katolikoj legas kaj pagas centmilope ĉi tiujn miajn ĵurnalojn. Ho, tiu okulbandaĝo ; ĝi estas fortika ! »

Jen alproksimiĝis pastro. « Vidu, jen homo, kiu dimanĉon ĉe la prediko akre kontraŭbatalis min ; precipe la fino estis bela ; sed ĉu li pensas, ke lia parolado kontraŭ mi kaj miaj agadoj

dirante, ke « la kristanismo estas enkondukita en Ĥinujon per la kanonoj kaj maŝinpafiloj de la fremdaj imperialistaj potencoj. » — Ĉi tiu malfeliĉa koncepto estas gravurita en ilian spiriton. Tial ni vane povas skribi en la ĥinaj ĵurnaloj por pruvi, ke la kristanismo estas absolute sendependa de ĉiuj « imperialistaj potencoj», la idolanoj neniam aŭskultos nin. La plej efika metodo por malpliigi la kontraŭkristanan movadon en Ĥinujo estas *la formado de katolika ĥina hierarkio kun Eklezio de Ĥinujo*. Tuj kiam la indiĝena pastraro formiĝas, ĉiu malamikeco kontraŭ la katolika religio malaperos. Tio estis la kazo de la Budhismo kaj de la Mahometanismo. Komence la ĥina popolo estis tre malamika kontraŭ la Budhismo, sed la vere ĥina karaktero, kiun ĝi akceptis, facile sukcesis, ke tuta Ĥinujo ĉirkaŭprenis ĝin.

Bedaŭrinde la plimulto de la eŭropaj misiistoj, kaj precipe la francaj misiistoj kontraŭagas la formadon de indiĝena ĥina pastraro, kiel ili kontraŭagas tiun de hinda pastraro. La ideo, devi kisi la manon de ĥina aŭ hindua episkopo, estas malsimpatia al ili. Ili timas la «arogantecon de la orientano », ĉar laŭ certaj francaj misiistoj « la orientano estas esence aroganta ». La ĥinaj aŭ eŭropaj misiistoj, kiuj kuraĝis labori por formi indiĝenan katolikan kierarkion, estas «ekzilitaj». Ekzemple R. P. Lebbe, nia ĝenerala pastra gvidanto, kaj R. P. Kam, ĥina jesuito, estas kondamnitaj per siaj francaj superuloj, neniam reiri en Ĥinujon. R. P. Gilles S. J. havis la saman sorton, ĉar li defendis la indiĝenan hinduan pastraron.

Konsiderante tian egoismon de la katolikaj misiistoj mem, oni do ne povas esti surprizata, ke Ĥinujo post preskaŭ kvin jarcentoj de misiado, ankoraŭ restas idolana !

Jen do, en kia situacio troviĝas la kristanismo en Ĥinujo. Estas tasko de la junaj katolikoj, kontraŭagi la egoistan konduton de la misiistoj. Estas ilia tasko favori la formadon de katolika indiĝena hierarkio, ĉar estas ilia unua devo labori por la realigo de la Regno de Kristo sur la tuta tero.

***Katolika Mondo***
estas
***la plej malmultekosta***

# Kio estos Hinujo morgaŭ ?

**De pastro Vincent LEBBE, Lazaristo**

( Daŭrigo )

Kvankam konservante la tre viglan senton pri la forto de la movado, pri la « tajdo » da ideoj, kiujn ili reprezentis, malgraŭ ĉio niaj junuloj sentis sin la malplej fortaj. Decidinte ne cedi, malŝatante siajn lernejojn, kiujn ili depost nun konsideris malmodernaj, laŭ la ideoj kaj la instrumetodo, plenigite je febra deziro havigi al sia lando la ekonomiajn armilojn, kiuj ebligus bojkoti Japanujon, — ili serĉis tujan solvon. La pli aŭ malpli kaŝita ĉefo de ilia tuta movado, la fama direktoro de la Universitato de Pekin, kiu kune kun M. Aulard prezidas la « Fédération Franco-Chinoise d'Etudes » ĝin donis al ili : « Oni devas iri al Francujo tre multnombre. Nur Francujo donos al ili kune kun libereco, kiun ili neniam havus en Ĥinujo, vere racian kaj sciencan edukon absolute senigitan de ĉiu religia ideo. Tie oni ankaŭ diros al ili, kian socialan revolucion Ĥinujo bezonas por reviviĝi, — tie oni ilin instruos pri tio». (Parolado de T'sai Yuan P'ei en Ĉao-Hing en somero 1919).

Krom Sinjoro Ts'ai Yuan Pei, rektoro de la universitato, alia homo, la eksleranto de Montargis, Li Ĉe Tseng, kiu kun M. Moutet (komunista deputito de Lyon, iama advokato de M. Caillaux ) havas la vicprezidon de la « Fédération Franco-Chinoise d'Etudes », kreis detalan studoprojekton, kiu permesus al la studantoj liberigi sin per manlaboro de ĉiu patroneco, de ĉiu financa helpo de la registaro kaj de la familio. Kaj la elmigrado al Francujo komenciĝis.

Oni esperis konduki tien 20.000 : kaj la franca registaro, kiu prave vidis en tiuj junuloj estontajn agentojn de franca influo, donis al ili sur siaj ŝipoj konsiderindajn avantaĝojn. Tamen la cifero neniam pasis 2000.

Jen la kaŭzo : Depost la dua jaro la financa situacio de tiuj junuloj, kiu dekomence jam estis tre aventuraj, fariĝis kritika. La fama projekto, kiu ankaŭ en ilia ideo estis tuta programo, komenco de realiĝo de la socialista idealo : « Al studado per manlaborado » — mizere fiaskis. Ili estis kredintaj, ke ili povus malhavi la helpon de siaj parencoj kaj de la registaraj stipendioj ; kaj nun la duraj spertoj de la fabrikvivo, kune kun la bankroto de la B. I. C., kiu englutis la ŝparojn de multaj ; kaj fine la ondo de senlaboreco en la jaro 1921 devigis ilin ĉesi.

En tiu mizera horo iliaj rigardoj timeme direktiĝis al la familio, eĉ al la registaro ĝis tiam tiom kontraŭbatalata de multaj. Sed depost kelkaj monatoj la civila milito denove aperis en Ĥinujo, ĉie iomete, kaj per malfeliĉa okazo ĉefe en tiuj provincoj, el kiuj venis la plej multaj studantoj. Iliaj gepatroj ĝenerale apartenantaj al la pli alta burĝa klaso kaj multaj eĉ al la mandarina aristokratio, devis plej multe suferi ; ilia riĉeco kaj politika aŭ socia rango destinis ilin unuavice al oferoj de la armitaj rabobandoj migrantaj tra urboj kaj kamparo ; la kasoj de la provincoj kaj distriktoj estis malplenigitaj per la milito. Mallonge, nek familio nek registaro povis respondi ilian alvokon.

Ni rememoru ĉi tie, ke la plej multaj el tiuj junuloj foriris el Ĥinujo en revolucia movado : en patriota entuziasmo. Neniel ili poste povis decidi reveni hejmen, kiel ili estis foririntaj : ili estis ĵurintaj reveni nur, kiam ili estos bone preparataj por la renovigo de la lando, — t. e. la sociala revolucio.

Nun en ilia embaraso ili facile lasis gvidi sin per la plej ekstremaj kaj plej logikaj inter ili : tio estis la momento por apliki tiun « direktan agadon », al kiu oni pelis ilin depost pli ol unu jaro. Tiam okazis la revolto en la Square du Bon Marché en Paris, kie la polico devis protekti la sekretarion de la ĥina ambasadorejo, de kiu ili en kunveno postulis oficialan promeson de registara helpo, nome de la « rajto de ĉiu ŝtatano je la vivo kaj je la studado ». Okazis kunvenoj, kie la revolvero parolis pli laŭte ol la parolantoj — kaj fine la provo de atenco al la ambasadoro mem. Ĉi cio ĉesis per la remigrado de cent de la plej fortaj kapoj kaj la finiĝo de la ekspedicioj de studantoj al Francujo.

(Daŭrigota)

estas venko ? Li parolis pri elpelado de diablo, kiu estis muta. Ho, mi ankaŭ tiom mute kaj silente laboras ; sed la bona homo ankoraŭ tute ne elpelos min. Hahaha, 197 personoj entute estis en la preĝejo ĉe la prediko ; sed mi, — haha, vidu ĉi tien ! »

En densaj aroj — ĵus estis laborfino — la homoj preterfluis apud la ĵurnalkiosko, la unuj hejmen, la aliaj al la vagonaro ; oficistoj, kontoristoj, laboristoj — elegantaj kaj simplaj homoj, kaj ĉiuj, ĉiuj aĉetis ĵurnalon. Du vendistinoj ne povis sufiĉe rapide doni la numerojn. Ĉiujn kvin minutojn biciklistoj preterrapidis kun pezaj novaj ĵurnalpakaĵoj, ankoraŭ freŝaj kaj malsekaj de la presmaŝino.

« Rigardu, ĉi tio estas alia predikejo ; mia predikejo ; alia publiko, ĉu ne ? Ĉu la pastro iam havas tiajn amasojn antaŭ si ? Kaj mi predikas al ili per miaj ĵurnaloj ĉiutage, en ĉiu numero ĉi tie kaj tie frazeto por miaj celoj ĉiutage. Kaj tiu mizerulo predikas al siaj cent ŝafetoj nur unufoje en la semajno, dimanĉe. Haha, li ankaŭ portas la bandaĝon antaŭ la okuloj ; li tute ne vidas, ke inter mia kaj lia predikoj estas diferenco kiel inter maŝinpafilo disĵetanta centojn da pafaĵoj en la minuto kaj pafarko mezepoka, kiu nur de tempo al tempo forsendas sagon. Li portas la bandaĝon, ĉar vidu, li preteriras apud la kiosko, ne tremante kaj ektimante. Li tute ne vidas la dometon, kiu forŝtelas de li ĉiutage animojn, animojn eĉ de infanoj : — Lasu lin plu prediki ; mi sukcesas. Bonege, ĉu ne ? »

Li tute varmiĝis ĉe tiu longa, moka parolado. Poste li flustrante kliniĝis : « Unufoje, mi konfesas, mi ektimis la katolikojn. Tio estis, kiam oni rabis fondaĵojn kaj preĝejoposedaĵojn, forpelis ordenojn, senreligiigis lernejojn. Tiam mi pensis : Nun la katolikoj kuniĝos, starigos ankaŭ gazetarpredikejon, montros sian mizeron al la tuta mondo kaj laŭte elkrios siajn postulojn al la ŝtato. Sed mi ĉirkaŭligis al ili la okulbandaĝon duoble kaj trioble fortike. Kaj ree okazis — nenio. La gazetaro restis sole en miaj manoj, kun ĝia influo kaj ĝiaj milionoj. Ho, tiu bela okulbandaĝo ! »

Tiam li kun fanfarona gesto iom forŝovis la monoklon kaj daŭrigis : « Vidu, mi ne portas okulbandaĝon. Mi vidas hele.... Ho, tiom hele ! Precipe unu aferon mi komprenas, kiun la katolikoj neniam komprenis. Mi estas fiera pri mia gazetaro, mi faras ĉion por ĝi. Ĉiujn, kiuj estas miaj partianoj per iliaj celoj kaj klopodoj, mi instigas, ke ili oferu milionojn por la gazetaro. Ho mia ĵurnalo ! Kiom mi amas kaj laŭdas ĝin ! Kiel mi karesis ĝin pro ĝojo, kiam ĝi denove gajnis grandan sukceson por mi ! Ĝi ja estas la brava portanto de miaj ideoj kaj vortoj ; per ĝi mia vorto parolas de kiosko al kiosko ; ĝi sonas en ĉiuj urbpartoj ; ĝi aŭdiĝas en ĉiuj stacidomoj, en ĉiu rapidvagonaro ; eĉ la ŝipon sur la akvo ĝi atingas, ĉiujn ŝipojn. Ĉie mi parolas per ĝi. Ĝi kuras de urbo al urbo, de vilaĝo al vilaĝo, de domo al domo, de trinkejo al trinkejo. Ĉi tiun universalan potencon la katolikoj ne konas. Ho, tiu bela okulbandaĝo ! — »

Ni alvenis ĉe la domo, kie estis la gazetara konferenco. Li legis la plakaton ĉe la pordo, inviton al ĉiuj, partopreni je ĝi, kaj kiam mi malfermis la pordon, li rapide rigardis en la salonon. « Tiu areto da hometoj, apenaŭ sesdek ! Ili venkos min ? Ĉu ili estas la « ĉiuj ? » Moke li ekridegis.

Sed mi kuraĝe rigardis en la vizaĝon de la impertinentulo, kaj antaŭ ol fermi la pordon antaŭ li, mi diris : « La salono de la vespermanĝo de Kristo estis eĉ pli malgranda. Kaj tamen la spirito kaj la forto, kiu ŝeliris el ĝi, venkis vin. Mi kredas, ke la spirito blovos. Tiam fine la katolikoj vidos hele ; la bandaĝo falos. Ili amos kaj subtenos sian gazetaron, fidele kaj ofereme, kaj ili adiaŭos viajn ĵurnalojn . . . , Tiam ankaŭ tie ĉesos via potenco ! Mi konfidas ! »

# Eklezia Revuo

*La judoj.* Laŭ plej nova statistiko ekzistas 13.463.000 israelidoj. Jen la nombroj :

| | |
|---|---|
| Eŭropo | 8.497.000 |
| Ameriko | 3.640.000 |
| Azio | 465.000 |
| Afriko | 388.000 |
| Aŭstralio | 23.000 |

Jen la nombroj el la eŭropaj landoj :

| | |
|---|---|
| Polujo | 2.900.000 |
| Rusujo | 2.750.000 |
| Rumanujo | 800.000 |
| Germanujo | 630.000 |
| Hungarujo | 400.000 |
| Ĉeĥoslovakujo | 300.000 |
| Anglujo | 300.000 |
| Francujo | 150.000 |
| Litovujo | 150.000 |
| Nederlando | 115.000 |
| Turkujo | 100.000 |
| Grekujo | 100.000 |
| Jugoslavujo | 64.000 |
| Bulgarujo | 50.000 |
| Belgujo | 50.000 |
| Italujo | 45.000 |
| Svisujo | 21.000 |
| Skandinavaj landoj | 18.000 |
| Hispanujo | 4.000 |

*La nombro de la katolikaj indianoj* en Ameriko estas nun 43.986. La pastroj ĉe ili estas ĉefe jesuitoj kaj Oblatoj de la Senmakula Virgulino Mario.

*Koncilo 1928 ?* Laŭ la Roma ĵurnalo « Tribuna » la papo intencas inviti por la jaro 1928 Ekumenan (Tutmondan) Koncilon, kiu daŭrigu la laborojn de la Vatikana Koncilo 1870. Oni parolas pri ĉ. 2.000 episkopoj ĉeestontaj.

*Misia kongreso de la Societo de Jesuo.* Sub prezido de ilia generalo Vladimir Ledochowski la jesuitoj en Romo aranĝis misian kongreson. La ordeno havas en 32 provincoj kaj 4 vicprovincoj ĉ. 19150 membrojn.

*La katolika universitato de Paris,* l' « Institut Catholique » fine de la pasinta jaro solenis sian 50 jaran jubileon. Ĝi estas fondita 1875, ĉar la ŝtataj universitatoj fariĝis pli kaj pli ateistaj. Ĉe la fondo la Instituto havis tri fakultatojn : juro, literaturo, scienco ; baldaŭ oni aldonis teologion. Ĉe la Instituto instruis eminentaj profesoroj, ekzemple la nuna Kardinalo - Ŝtatsekretario Gasparri, la eklezihistoriisto Duchêne kaj la pioniro de la fonetiko Rousselot.

*En Insulo Malta,* brita posedaĵo, la katolikismo estas oficiala ŝtata religio.

*Mortis :* Kardinalo *Dalbor,* ĉefepiskopo de Gnesen kaj Primas de Polujo ;

Kardinalo *Cagliero* en Romo, el la ordeno de la Salesianoj de Don Bosco ;

Kardinalo Benlloch y *Vivo,* ĉefepiskopo de Burgas, Hispanujo Rousselot.

Ĉefepiskopo *Cieplak* de Wilna (Vilnius) 1923, kiam li estis ĉefepiskopo de Mohilev, la rusoj kondamnis lin je morto, ĉar li rifuzis fordoni eklezïajn propraĵojn. Per interveno de la papo la kondamno estas transformita en ekziligon. Poste li estis ĉefepiskopo de Wilna. Li mortis en Passaic (New-Jersey) en Ameriko.

« *Osservatore Romano* », la duonoficiala organo de la Vatikano, publikigis du detalajn artikolojn sub la titolo « De la Paca Noto de Benedikto XV a ĝis la Pakto de Locarno », montrante, ke la politiko per la mizero de la nuna mondsituacio ĉiam pli estas devigata evolui al la paca ideo de la papo.

*Ĉe la Vatikano* estas fondita speciala komisiono por la religiaj interesoj de la rusaj katolikoj en kaj ekster la Sovetrespublikoj. Prezidas Kardinalo Sincero.

*La nombro de la katolikoj en la tuta mondo* estas laŭ « Catholic Directory 1926 » 324.328.408, t. e. en

| | |
|---|---|
| Eŭropo | 190.779.213 |
| Ameriko | 112.760.764 |
| Azio | 15.416.563 |
| Afriko | 3.271.228 |
| Aŭstralio | 2.070.930 |

*En la Brita Mondimperio* vivas 15 milionoj 250.000 katolikoj, el ili nur 2.500.000 en Anglujo kaj Wales. La nombro de la angle parolantaj katolikoj estas 43 milionoj 100.000.

*En Hungarujo* la nombro de la katolikoj estas 5.600.000, t. e. 63,9 procentoj de la tuta loĝantaro.

*La Konkordato kun Rumanujo* nun estas preta. Laŭ ĝi la ŝtato rajtas kontroli la posedaĵon de la katolika eklezio. Novaj episkopoj devas esti rekonataj de la registaro. La ekleziaj administraj distriktoj estas adaptataj al la ŝtatlimoj. La deziro de la rumana reĝo, ke li ricevu por la regiono de Transilvanio la rajtojn de « Apostola Reĝo de Hungarujo » estas rifuzita de la papo.

*Neniu konkordato en Ĉeĥoslovakujo.* « Prager Presse » skribas la 2 februaro : « Laŭ informoj, kiujn ni ricevis en tiu afero, konkordato kun la Vatikano ne estas preparata nek intencata. La ordigo de la rilatoj inter ŝtato kaj eklezio okazos en la spirito de reciproka lojaleco kaj sincereco ».

*9 beatigoj* estas anoncataj por la jaro 1926 : A. Fournet, Bartolomea Capitanio, Lucia Filippine, M. A. Chebre (mortis 1885 en Abisenio kiel martiro), J. N. Du Lau, P.S. de la Rochefoucault kaj F. J. de La Rochefoucault kun iliaj kunulinoj en la martira morto 1792 (Franca Revolucio).

*La katolikoj de la skandinavaj landoj* solenos en nunjara julio la 1100 jaran jubileon de la kristaniĝo per la granda apostolo de la nordaj landoj Sankta Ansgaro.

*Eŭkaristia Kongreso en Chicago.* Partoprenos la mondkonataj kardinaloj Bourne (London-Westminster), Faulhaber (München), Piffl (Wien).

*La germana « Katholikentag »* okazos 22-23 aŭgusto en Breslau. Temo :« Kristo la Reĝo ». Oni ankaŭ solenos la jubileojn de la granda germana katolika politikisto Joseph Görres ( kiu naskiĝis antaŭ 150 jaroj) kaj de Sankta Francisko de Assisi (700-jara jubileo).

*La « Semaine Sociale » de la francaj katolikoj* okazos en ĉi tiu jaro en Le Havre. Oni ankaŭ parolos pri la principoj de la Kristanismo rilate al la internacia vivo.

*La 18 jara filino de la belga reĝo,* Maria Josefa, kies baldaŭan fianĉiniĝon kun la kronprinco de Italujo anoncis la ĵurnaloj, nun iris en monaĥinejon de la senŝuaj karmelitinoj.

*La Katolika Pastra Asocio de Italujo* solene protestis kontraŭ la faŝistaj atakoj al Kardinalo-Ŝtatsekretario Gasparri. La sciigoj pri eksiĝo de Kardinalo Gasparri el lia ofico venis el faŝistaj fontoj kaj estas tute neveraj.

# El konfesoj de grandaj esploristoj

**(De prof. Dr. Reinke, Kiel -4- )**

Nur malmultaj provcitaĵoj el la mondrigardo de esploristoj ĉi supre estis donataj ; ili samsence facile povus esti multobligataj. Nur apude estu rimarkigite, ke mi mem depost 1899 en mia libro « Die Welt als Tat » ( « La mondo kiel faro »), aperinta antaŭ la « Welträtsel » (Mondenigmoj) de Haeckel (sepa eldono 1925), traktis la temon samsence kiel Lord Kelvin. Sed, por paroligi alian vivantan biologon, estu citataj jenaj eldiroj de Dr. Rawitz, profesoro de l'anatomio ĉe la Berlina universitato, kiujn li faris en aŭgusto 1922 en du publikaj paroladoj pri naturscienco kaj mondrigardo. Laŭ gazetraportoj li diris : La laŭplaneco kaj ordo, kiujn la naturesploristo konstatas en tiu ĉi reala mondo, montras al pli alta forto, al morala mondordo, kiu estas ne senpere ekkonebla per niaj sensoj, unuvorte al Dio. Pro la relativecoteorio, pro space kaj tempe limigita mondo, la biologo estas devigata al la ideo Dio, dum ke la filozofio ĉi tie malsufiĉas.

Ke inter la nuntempaj naturesploristoj troviĝas multaj « agnostikoj » (neŭtraluloj), kiuj okupas sin nur pri siaj faksciencoj kaj ne decidas pri l'Dia problemo, ĉar ili senpere ne povus percepti Dion ; ke plue, pro la sama facile komprenebla kialo, kelkaj aniĝas al ateismo, do la naturleĝojn deklaras la lasta kaj plej alta, kio ekzistas en la mondo, estas sendube. Haeckel estis la plej sukcesa profeto de tia ateismo.

Publika disputo de ioma graveco ekestis pri parolado, kiun la ĥemiisto Ladenburg faris 1903 dum naturesplorista kunveno en Kassel pri la influo de l'natursciencoj al la mondrigardo. La parolado, ne estante tute rifuzema pri l'kredo je Dio, tamen kontraŭbatalas la kredon je nemorteco. Ladenburg opiniis, ke oni ne scias, de kie venas la naturleĝoj kaj tial ne malrajtas, supozi Kreinton ; sed plue li rimarkigas, ke tre malfacila montriĝas la problemo pri persona Dio el naturxienca vidpunkto. Ni rajtus, imagi al ni Mondkreinton kiel ĉiopovan Dion, kiun ni tamen nuntempe, t. e. post kreo de l'mondo, devus pensi nur kiel korpiĝon de la naturleĝoj. Doni ĉiurilate kontentigan solvon de ĉi tiu problemo, ŝajnus al li neebla. Neniukaze li tiom pretendas, kiom la teologo David Friedrich Strauss, nominta Dion fantaziaĵo. Sed ĉiujn tielnomatajn miraklojn Ladenburg rifuzas.

El la multnombraj respondoj, kaŭzitaj per ĉi tiu parolado, eble tiu de Adalbert von Hanstein, okazinta 1903 en Hannover, estas la plej rimarkinda. A. v. Hanstein diras : « Ĝuste la laŭleĝeco de l'mondo estas ja la sola, kio pensulojn de plej malnova kaj nova tempoj entute estas kondukinta al la ideo pri Dio. La senleĝeco ne estus miraklo, sed la leĝeco de l'naturo, evoluanta kun netuŝebla precizeco, jen estas la unika, granda, grandiozega miraklo, kiu nin ĉiam denove devas rekonduki al la Dia ideo. Tio estas ja la granda eraro de ĉiuj materialistaj filozofoj, ke ili ĉiam direktas siajn pafilegojn kontraŭ la Dion de la infanoj, kontraŭ la Dion, al kiu oni atribuas homajn malfortojn, kaj ke ili tute ne priatentas la solidan Dian ideon de seriozaj pensuloj, kontraŭ kies sekretplena, eterna rigardo. neniu naturscienca fakto ion pruvi kapablas ».

Mi opinias, ke per la tutaĵo de ĉi tiuj eldiroj la nin okupanta problemo precize estas definita jene : Ĉu la esploro de l'naturo rezultigas la ekzistadon de Dia estaĵo aŭ ne ? Ĉi tiun problemon ni nun devos science traktadi.

Sed neniel mi intencas, per la cititaj vortoj de eminentaj viroj de komence ekfavorigi la kredon je Dio; per tia agado mi degradigus ĝin antaŭjuĝo. Ankaŭ mi volas per la citaĵoj ne enkonduki aŭtoritecan kulton en la sciencon, sed nur pli precize difini la problemon per la juĝoj de tiuj natursciencaj eminentuloj. En la pli postaj ĉapitroj estos pli detale pritraktataj ĉi tiu demando kaj kelkaj pluaj kun ĝi interligitaj problemoj.

Ew. Brenken, Bochum (Germanujo)

*Don Sturzo*, la iama gvidanto de la itala Katolika Popola Partio ( « Popolari »), kiu nun estas en Anglujo, publikigis en la « Unità Cattolica » leteron al la itala studanta junularo, dirante, ke en tempo, kiam la malbono triumfas, kiam interesoj pli valoras ol idealoj, kiam la religio estas humiligata al servantino de politika sistemo, la studanta kristana junularo devas trovi en la kredo, en la kulturo kaj en la interno de la propra animo la forton al rezisto ; ke Italujo estos savata, sed ke nur la nova generacio sukcesos tion.

La faŝistaj ĵurnaloj estas furiozaj kaj kaj postulas, ke la papo ekskomuniigu Don Sturzo-n, ĉar li daŭrigas sian politikan agadon.

*Antilaj Insuloj*. La katolika misio suferas ankaŭ en ĉi tiuj regionoj grandan mankon de pastroj kaj mono. La estraroj de la diversaj insuloj estas sufiĉe favoraj al la katolikaj misiistoj, sed ili subvencias nur iom en kelkaj insuloj. La ĉefdieceso de Port-of-Spain ampleksanta la insulojn Trinidad, Tobago, Grenada, St. Vincent kaj St. Lucia enhavas 215.000 katolikojn, sed 208.000 animoj apartenas al diversaj protestantaj sektoj kaj 106.000 estas idolanoj. Nur 80 pastroj laboras inter tiu popolamaso.

*Manko de pastroj en Francujo*. En Nacia Kongreso de la katolika postraro oni sciigis la fakton, ke pli ol 30 procentoj de la pastraro estas pli ol 60 jaraj, dum ke nur 15 procentoj estas malpli ol 40 jaraj. Oni sentas la sekvojn de la milito : 3100 pastroj mortis en la bataloj. La seminarioj estis malplenaj.

*Episkopo kaj aeroplano*. La germana kolonio en la sudamerika respubliko Bolivio donacis al la registaro okaze de la centjara jubileo de la sendependeco de Bolivio aeroplanon. La episkopo de Santa Cruz solene inaŭguris ( benedikciis) ĝin. Poste la episkopo kiel unua pasaĝero flugis en la aeroplano al sia loĝejo.

*Film-Uniiĝo de la Germanaj Katolikoj* fondiĝis en Köln.

*Francisko-poŝtmarkoj*. Pro la 700-jara jubileo de Sankta Francisko de Assisi la itala poŝto eldonas specialajn jubileo-markojn je 20, 40, 60 Centesimi kaj 1,25 kaj 5 Lire.

*Atako al la religia libereco en Usono*. Kelkaj gravaj sektoj postulis, ke en ĉiujn ŝtatajn lernejojn estu enkondukataj devigaj biblio-lecionoj. Ili diris, ke tion eĉ la katolikoj ne rifuzos, ĉar ja ankaŭ ili akceptas la biblion kiel dian revelacion. La katolikoj deklaris, ke ili konsentos, sed nur kondiĉe ke la katolikaj infanoj ricevu tiun instruon de katolikaj instruistoj eklezie ekzamenitaj kaj rekonitaj ; se ne, la biblio-lecionoj estus nur protestanta propagando. Nun venis neatendita helpo. La baptistoj kaj naŭ aliaj sektoj solene protestis kontraŭ la nova leĝoprojekto, kaj tiamaniere la leĝo jam akceptita de la Reprezentanta Domo estas rifuzita per la Senato.

*Katolika teatra movado en Francujo*. Same kiel en Germanujo ankaŭ en Francujo ekzistas klopodoj por renovigo de la teatro el katolika spirito. Jam fondiĝis tiucele speciala societo de gejunuloj. Precipe en Normandio la movado estas vigla. Nun ĝi intencas sub patroneco de Kardinalo Dubois fondi en Paris propran scenejon sub la titolo « Bon-Théâtre ».

# TRA LA ESPERANTA MONDO

« *Die Ostfront*, Mitteilungsblatt der schlesischen Kämpfer für Völkerfrieden und Völkersprache » ( La Orienta Batalejo, informa bulteno de la sileziaj batalantoj por internacia paco kaj internacia lingvo ) estas la titolo de ĉiumonata aldono al la grava germana pacifista semajna gazeto « Die Menschheit » (La Homaro). Ĝin eldonas ĉefe niaj kuraĝaj kunlaborantoj el la Ika grupo «Frateco», Beuthen. Adreso de la « Ostfront » : Beuthen O./S., Kaiserplatz 5 II. Adreso de «Menschheit» ; Wiesbaden, Gartenstrasse 18. Specimenoj senpage.

*Novaj radio-kursoj :* Toulouse, Francujo ; Moskva M G S P S ( ĉiudimanĉe ), Rusujo.

*En la Frankfurta Foiro* ( Frankfurter Messe ) Esperanto havas la kvaran rangon en la lingvoj korespondataj.

*En Dresden*, kiel jam en kelkaj aliaj urboj, la urbkonsilantaro decidis nomi straton « Zamenhofstrasse ».

*Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (I K U E)* havos sian 11-an kongreso en Spa (Belgujo), aŭgusto 1926.

*La Oka Brazila Kongreso de Esperanto* okazos 9 ĝis 12 majo 1926 en Victoria ( ŝtato Espirito Santo ). Prezidanto de la Organiza Komitato estas la ĝenerala sekretario de la ŝtata registaro. La invitocirkuleroj enhavas la ŝtatan ŝildon kaj estas senditaj al ĉiuj komunumoj. Okazos meso por la katolikaj kongresanoj dirita de Lia Ĉefepiskopa Moŝto D. Benedicto, kiu tiam predikos por Esperanto.

« *Esperanto Weekend Schools* », t. e. unu-aŭ dutagaj kursoj da interesaj seriozaj prelegoj en Esperanto, bone sukcesis en Anglujo. Ili estas rekomendindaj por ĉiuj landoj.

« *Katolika Mondo* » *malpermesita en la Sovetlandoj*. Kiel ni legas en « Heroldo » la rusaj Esperantistoj, al kiuj ĝis nun abono al nur tre malmultaj eksterlandaj Esperanto-gazetoj estis permesita, nun rajtas aboni preskaŭ ĉiujn krom « Katolika Mondo» kaj «Polica Esperantisto».

*Du gravaj internaciaj gazetoj* «La Revue des Musées », Paris ( por arkeologio ) kaj « La Revue de l'Univers », Paris ( por kolektantoj ) akceptis Esperanto-parton.

« *Der Friedenskämpfer* » ( La Paca Batalanto ) estas la titolo de la nova centra organo de la katolika paca movado en Germanujo. En ĝi kunfandiĝis « Katholische Friedenswarte », «IKA-Stimmen» kaj « Kath. deutsch-französische Korrespondenz ». La unua numero enhavas longan artikolon pri Ika kaj Esperanto de kaplano Heuser ( Essen ) kaj artikolon « Esperanto kaj la paca movado » de studkonsilisto Brenken ( Bochum ).

*Kelkaj ĵurnaloj* nacilingvaj represis el K. M. la Leteron de Kardinalo Fénélon kaj malgrandajn notojn kun indiko de la fonto. Kiu el niaj legantoj estus preta regule traduki interesajn artikolojn el K. M. kaj publikigi en nacilingvaj ĵurnalo ? Oni skribu al nia kunredaktoro Solzbacher !

*Naciaj Esperanto-kongresoj*. Je Pentekosto okazos la Dua Nederlanda Kongreso en Nymegen, la 17-a Brita Kongreso en Huddersfield ( Yorkshire ) la Belga Kongreso en La Panne, la Kataluna Kongreso kun la Floraj Ludoj en Santa Coloma de Farnés, la Germana Kongreso en München, la Franca Kongreso en Paris, la Jugoslava en Maribor. Do Pentekosto estos Esperantista festo !

## Abonprezoj por la jaro 1926

| LANDO | ABONO | | Ab. kaj kotizo | | Kotizo sen K.-M. |
|---|---|---|---|---|---|
| | duonjare | jare | duonjare | jare | |
| Anglio, Australio, Irlando | 1/6 s | 3 s | 2 s | 4 s | 1 s |
| Arĝentino | 1 5 po | 3 po | 2 po | 4 po | 1 po |
| Austrio | 2,4 s | 4,8 s | 3 s | 6 s | 1.5 s |
| Belgio, Luksemburgo, Francio | 8 frs | 15 fr | 12 fr | 20 fr | 5 fr |
| Brazilio | 1.5 mr | 3 mr | 2 mr | 4 mr | m: |
| Ĉeĥoslovakio | 12 kr | 20 kr | 15 kr | 30 kr | 8 kr |
| Danio | 1,5 kr | 3 kr | 2 kr | 4 kr | 1 kr |
| Germanio | 1,5 mk | 3 mk | 2 mk | 4 mk | 1 mk |
| Hispanio | 2 p | 4 p | 2.5 p | 5 p | 2 p |
| Hungario | 2.4 k | 4.8 k | 3 k | 6 k | 1.5 k |
| Italio | 8 l | 15 l | 12 l | 20 l | 5 l |
| Jugoslavio | 18 d | 35 d | 25 d | 50 d | 15 d |
| Litovio | 3 l | 6 l | 4 l | 8 l | 2 l |
| Nederlando | 0,75 fl | 1.5 fl | 1 fl | 2 fl | 0.5 fl |
| Polio | 2 z | 4 z | 2,5 z | 5 z | 1 5 zl |
| Rumanio | 40 l | 80 l | 50 l | 100 l | 20 l |
| Svisio | 1,8 fr | 3,6 fr | 2.4 fr | 4.8 fr | 1,20 fr |
| Usono | 0, 40 d | 0,75 d | 0,50 d | 1 d | 0.25 d |

**Rimarko : Nia ekspedicio havas enpagilojn por ciuj landoj Monsendojn oni adresu al la nacia abonejo au senpere al unu el la supre nomitaj adresoj.**

### Atentu niajn poŝtkontojn !

**Aŭstrio :** Wien 130.558, Prof. W. Arnold, Zug.
**Ĉeĥoslovakio :** 303.692 Morawsko-slov. banka, Olmouc « Ika ».
**Germanio :** Koeln 113.499, Kap. Wachowski, Elberfeld.
**Polio :** Warszawa 190.809, K. Mayr, Zoug.
**Nederlando :** 2121, K. Mayr, « Ika » Hoofddorp
**Svisio :** VII/1991 « Ika », Zug.
Enpagilojn petu ĉe Ekspedicio de K. M. aŭ ĉe la sekretariejo en Londono.

### Ne ĉiuj legantoj

**ensendis ankoraŭ la abonprezon por 1926. Estas kompreneble, ke senĉesan liveron de K. M. ni povas garantii nur al legantoj pagintaj la abonprezon. Nepagintoj estas do ĝentile kaj urĝe petataj enpagi senprokraste sian kotizon.**

***La administracio.***

## Niaj Adresoj

**Redaktoro de K.M. :** K. Mayr, 16 Red Lion Square, London WC1.
**Redaktoro de J.B. :** W. Solzbacher, Honnef a Rh. Spiesgasse, Germ.
**Administracio kaj ekspedicio :** Kapl. B. Wachowski, Elberfeld, Feldstr. 24, Germ.
**Anoncoj:** Hugo Hellwig, Bochum, Weiherstr. 61, Germ.

### Anoncetoj-Korespondado

Por dufoja enpresigo ĝis 20 vortoj 1 sfr. aŭ 4 respondkuponoj. Antaŭpago nepra kondiĉo.

**Koblenz.** — S-o Leono Funken, delegito de UEA, Florinsmarkt 7 a, kolektas PI bfl. kun montfervojoj kaj ties biletojn ( ev. surglu! ). Respondos unufoje.

Presejo : Imp. F. Collins, Charleroi, Belgio. — 29807.